# LAMPIRO

53-a jaro N-ro 129 2012:1

## Vizitindaj Kulturcentroj en Sanpaŭlo

Muzeo de la portugala lingvo

Survoje al Hanojo Tra la Siberia Fervojo

Plursignifeco kaj Tradukarto

Fernando Sabino: La nuda viro

Post elĉerpita argumento helpas bilda instrumento!




R$ 3,00




R$ 17,00




R$ 4,00

libroservo@easp.org.br




**LAMPIRO** *53-a jaro n-ro 129 2012:1*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**

(Aperas trifoje dum la jaro)

**Ĉefredaktanto**: Francisco Stefano Wechsler
esperanto@fswechsler.com

**Grafikaranĝo**: José Roberto Tenorio

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

---

# easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29a de marto 1937

PROPRA SIDEJO
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefono-faksilo: (11) 3862-1183
easp.org.br - contato@easp.org.br

JARKOTIZO POR 2013

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |
| Aligita Grupano .................. | R$ 36,00 |
| Aliĝinta Grupo .................... | R$ 20,00 |



DEĴOROJ - Lunde: 12h - 16h; marde 10h - 20h; merkrede kaj ĵaŭde: 14h - 18h; vendrede: 13h -17h; sabate: 9-18h.

# ENHAVO





# Enkonduko

Redakti revuon ĉiam prezentas defion en ajna lingvo, kaj precipe en Esperanto. Trovi sufiĉan, riĉenhavan kaj allogan materialon plagas la dormon de ĉiu redaktisto. Krome, la redakto- kaj fasonskipoj konsistas plejparte el nepagatoj, kiuj bezonas, inter siaj pluraj ofictaskoj, trovi tempon por eldonigi unu plian numeron.

Pro similaj malfacilaĵoj, la nuna estraro de EASP decidis, en 2012, interrompi, almenaŭ provizore, la eldonadon de **Lampiro**, ties tradicia organo. Tion ĉi la estraro faris kontraŭvole, konsciante, ke la movado de Sanpaŭlo suferos gravan perdon.

Kelkajn monatojn post tiu fakto, la estraro de EASP, aŭskultinte la opiniojn de pluraj anoj, decidis revivigi nian revuon, des pli ĉar sin prezentis homoj, kiuj volontis daŭrigi la redaktan kaj fasonan laboron.

La nuna numero estas la unua rezulto de tiu decido. Ni celas eldoni bonnivelan kaj allogan revuon, kiu enhavu mikson da primovada kaj prilingva materialo, kune kun beletraĵoj, turismaj kaj sciencaj artikoloj kaj bonkvalitaj ilustraĵoj. Ni ankaŭ planas regule publikigi iom da materialo pri vidindaĵoj kaj eminentuloj el la ŝtato Sanpaŭlo, kiel vi rimarkos foliumante la nunan numeron.

Ni ankaŭ decidis iomete ŝanĝi la aspekton de la revuo, por faciligi ĝian legadon, sen malŝparo de spaco kaj sen perdo de eleganteco. Tiucele, ni elektis la tiparon Minion Pro® por la ĉefa teksto kaj Linear Smooth® por la titoloj. Por la kovrilo ni uzis DejaVu®. Ankaŭ ekde la nuna numero, ni uzas nur liberan programaron, nome la mastrumsistemon Linux®, la fasonilon Scribus® kaj la bildeldonilon Gimp®.

Ni esperas, ke, legante la sekvajn paĝojn, vi povos iom pliriĉigi vian kulturon kaj lingvan scion, dum kelkaj plezuraj momentoj. Se tion ni atingos, ni rigardos nian laboron kiel sukcesan.

La redakta skipo kaptas la okazon por alvoki la esperantistojn el Sanpaŭlo kaj Brazilo al helpa laboro. Bonvolu sendi viajn kontribuaĵojn al **Lampiro**, por ke ĝi spegulu ne nur la opiniojn de kelkaj "elitaj" artikolistoj, sed la pensmanieron de pli vasta publiko. Ankaŭ ne hezitu manifesti vian opinion pri la enhavo kaj aspekto, sendante ideojn kaj proponojn. Memoru, ke la revuo apartenas al ni ĉiuj.

Al ĉiuj gelegontoj ni varme deziras feliĉan jarfinon kaj prosperan novjaron.

La ĉefredaktanto

*Francisco Stefano Wechsler*

*Naskiĝis en 10-04-49 kaj esperantistiĝis en 1964. Diplomito pri agronomio, magistro pri bredado de laktobovoj kaj doktoro pri nutrado de remaĉuloj. Emerita profesoro (Ŝtata Universitato de Sanpaŭlo) pri bredado de viandbovoj. Ekszprezidanto de BEJO, eksredaktanto de Brazila Esperantisto. Tradukis verkojn de Machado de Assis, Fernando Pessoa, Júlia Lopes de Almeida kaj aliaj. Ofte prelegas ĉe Esperanto-Kongresoj.*



# Kronikaĵo



La
unua elektra
tramo de Rio. La tiama
vicprezidanto de Brazilo, Floriano Peixoto,
estas la kvina persono (de maldekstre dekstren).


## Machado de Assis

**Tradukis**
**Francisco Stefano Wechsler**


(Publikigita en la kroniko *La semajno*, en *Noticgazeto*, la 16-an de Oktobro, 1892.)

*N.T.: Sabate, la 8-an de Oktobro, 1892, ekveturis en Rio, iom post la 13-a horo, la unua elektra tramo de Sud-Ameriko. La evento sensaciis, kaj ĉeestis ĝin multaj aŭtoritatuloj. La kroniko de Machado, publikigita ĉiudimanĉe, ne pritraktis la okazaĵon tuj en la sekva dimanĉo, sed nur unu semajnon poste.*

Ĉar mi ne ĉeestis la inaŭguron de la elektraj tramoj, mi ankoraŭ ne pritraktis ilin. Mi eĉ eniris unu el ili, poste, por ricevi kaj raporti impresojn pri la nova tirprocedo. Jen la kialo de mia pasintsemajna silento. Antaŭhieraŭ, tamen, preterveturante la Strandon de l' Groto[1], per ordinara tramo, mi renkontis unu el la elektraj, kiu venis laŭ kontraŭa direkto. Ĝi estis la unua, kiun miaj okuloj vidis veturi.

Por ne mensogi, mi diros, ke tio, kio impresis min pli forte ol la elektro, estis la aspekto de la kondukisto. Liaj okuloj malestime rigardis la veturantojn de mia tramo, esprimante egan superecon. Kvankam ne malbela, tamen ne pro siaj kvalitoj li aspektis tia. Oni sentis en li la konvinkiĝon, ke li inventis ne nur la elektran tramon, sed ankaŭ la elektron mem. Ne koncernas min riproĉi tiajn duonglorojn, aŭ pruntglorojn, kiel ajn nomas ilin senfaraj mensoj. La pruntgloroj, kvankam ili ne tiom valoras, kiom la plene propraj, tamen meritas sendube kelkajn elmontrojn de simpatio. Kial forpreni de homo tiun agrablan senton? Kion mi povus doni al li interŝanĝe?

Poste, mi admiris la serenan veturadon de la tramo, glitanta kiel barkoj de poetoj, puŝataj de nevidebla kaj antikva venteto. Sed, ĉar ni iris laŭ kontraŭaj direktoj, baldaŭ ni ĉesis vidi unu la alian, ĉar ĝi turniĝis al la Placo de l' Groto, dum ni eniris la Straton Kateto. Malgraŭe, mi

ne forgesis ĝin. La veturantoj de mia tramo eniris tie kaj tie, aliaj eniris poste, kaj mi pensadis pri la elektra tramo. Tiel ni pluiradis; ĝis la momento, kiam, proksime de la vojfino kaj jam vespere, ni estis nur tri, la biletisto, la koĉero kaj mi. Tiuj du dormetadas, mi supozis.

Subite mi aŭdis strangajn voĉojn; ŝajnis al mi, ke ja la muloj konversacias, mi antaŭenkliniĝis (mi sidis sur la frontbenko); efektive, ili parolis. Ĉar mi regas iom la lingvon de la Houyhnhms, raportitan de la fama Gulivero,[2] ne malfacilis al mi kompreni la dialogon. Mi ja scias, ke ĉevalo ne estas mulo; sed mi konstatis, ke la lingvo samas. Mulo certe parolas pli malmulte; ĝi estas trapisto[3] de tiu bestoklaso, sed ĝi parolas. Mi restis klinita kaj aŭskultis.

— Vi pravas kaj ne pravas, respondis la dekstra mulo al la maldekstra.

La maldekstra diris:

— Kondiĉe, ke la elektra tirado ampleksu ĉiujn tramojn, ni liberiĝos, tio ŝajnas klara.

— Ja klara ĝi ŝajnas; sed inter ŝajno kaj realo kuŝas vasta diferenco. Vi ne konas la historion de nia specio, kolego; vi ne scias pri la vivo de muloj ekde la mondkomenco. Vi eĉ ne rezonas, ke, ĉar la savanto de la homaro naskiĝis inter ni[4], honorante nian humilecon per la sia, eĉ en la Kristnaska tago ni ne eskapas el kristana batado. Kiu ŝparas nin en unu tago, sin venĝas en la sekva.

— Kiel tio rilatas al libero?

— Mi konstatas, replikis melankolie la dekstra mulo, mi konstatas, ke via kapo gastigas multajn homajn ideojn.

— Kiele do? ekkriis la maldekstra mulo, haltante.

La koĉero, inter du ekdormoj, kunprenis la bridrimenojn kaj vipis la paron.

— Ĉu vi sentis la baton? demandis la dekstra besto. Eksciu, ke, kiam la tramoj venis ĉi tiun urbon, ili venis sub regulo malpermesanta vipadon. Universala ekmiro de la koĉeroj: kie oni trovu mulojn, kiuj tiras sen vipado? Ĉiuj tiamaj muloj kantis ĝojkantojn kaj benis la ideon pri reloj, sur kiuj glitos la ĉaroj nature. Ili ne konis homojn.

— Jes, homo elpensis vipon, kunpreninte la du ekstremojn de bridrimenoj. Mi ankaŭ scias, ke, en certaj okazoj, oni uzas arbobranĉon aŭ vergon el cidoniujo.

— Precize. Koncerne tion, mi pensas, ke homo pravas. Malgrasa mulo malfortas; sed, batate, ĝi tiras. Ĉu vi scias, kion la direktistaro komunikis la tiama estro Shannon?[5] Tion ĉi: "Grasigu la mulojn, donu al ili manĝaĵon, multan herbon, multan fojnon, satigu ilin, por ke ekplaĉu al ili la laboro; ĝustatempe ni ŝanĝos la procedon, *all right*?[6]"

— Pri tio mi ne plendas. Mi manĝas malmulte; kaj kiam mi malmulte laboras, mi restas sata. Sed kiel rilatas herbo kun nia liberiĝo, post la ekesto de la elektraj tramoj?

— La elektra tramo nur ŝanĝos nian sinjoron.

— Kiamaniere?

— Ni estas posedaĵo de la kompanio. Kiam ĉio funkcios per dratoj, oni ne plu bezonos nin kaj nin vendos. Ni transiros al tirĉaroj.

— Je la azenino de Bileam[7]! ekkriis la

maldekstra mulo. Neniu emeritiĝo? neniu premio? neniu spuro de premipago? Ho, kie la justo en ĉi tiu mondo?

— Ni transiros al tirĉaroj – daŭrigis la alia paceme —, kie nia vivo fariĝos iom pli agrabla; ja ne mankos al ni batado, sed la posedanto de unu sola mulo pli klare scias, kiom ĝi kostas al li. Unu tagon, maljuno, malsato, io ajn, kio malkapabligos nin, redonos al ni la liberon…

— Finfine!

— Ni libere vagos surstrate, paŝtante iom da herbo, kiun oni lasos tie kreski por distri la okulojn. Sed kiom utilas du dentotranĉoj da herbo, ne ĉiam freŝa? Ni malfortiĝos; aĝo aŭ malsato mortigados nin, ĝis, se uzi homan metaforon, — ni forlasos la surteran mondon. Tiam ni ĝuos la liberon putradi. Post tri tagoj, la najbaroj ekrimarkos, ke la mulo odoraĉas; jen temo por konversacioj kaj plendoj. La kvaran tagon, iu najbaro, pli aŭdaca, iros al ĵurnalredaktejoj, raportos la fakton, kaj petos, ke oni publikigu la plendon. La kvinan tagon publikiĝos prese la plendo. La sesan tagon, aperos oficisto, ku kontrolos la precizecon de la notico; la sepan, venos ĉaro, tirata de alia mulo, kaj forportos la kadavron.

— Vi estas funebra, diris la maldekstra mulo. Vi ne konas la lingvon de espero.

— Eble, kolego mia; sed espero estas karakterizaĵo de la malfortaj specioj, kiel homo kaj lokusto; muloj distingiĝas pro sia unika forto. Nia specio estas esence filozofiema. Homon, kiu paŝas dupiede, kaj probable aglon, kiu flugas alte, koncernas la astronomia scienco. Ni neniam fariĝos astronomiistoj; sed la filozofio apartenas al ni. Ĉiuj homaj klopodoj ĉirilataj estas perfektaj ĥimeroj. Ĉiu jarcento…

La brido silentigis la mulon, ĉar la koĉero tiris la rimenojn kaj haltigis la veturilon. Ni estis atingintaj la finan haltejon. Mi surstratiĝis kaj iris rigardi la du interparolantojn. Mi ne povis kredi, ke temas pri ili mem. Tamen, la koĉero kaj la biletisto maljungis la paron, por konduki ĝin al la kontraŭa ekstremo de la tramo; mi profitis la okazon, kaj murmuris tre mallaŭte, inter la du muloj:

— *Houyhnhms!*

Okazis elektroŝoko. Ambaŭ ektremegis, levis la piedojn, kaj demandis min, plenaj de entuziasmo:

— Kia homo vi estas, ke vi scipovas nian lingvon?

Sed la koĉero, doninte al ili fortan vipobaton, ekkriis al mi, ke mi ne fortimigu la bestojn. Miaopinie, li devus vipi min, ĉar ja mi fortimigis la bestojn; sed, kiel ĵus diris la maldekstra mulo: — Kie la justo en ĉi tiu mondo?



[1]Tiam situantan proksime de la Publika Promenejo de Rio. Ĝi ne plu ekzistas.

[2]Aludo al la satira romano *Vojaĝoj de Gulivero*, verkita de Jonathan Swift [ĝonatan sŭift], anglalingva irlanda aŭtoro (1667–1745).

[3]La trapista monaĥordeno postulas silentadon de siaj anoj.

[4]Aludo al Jesuo, kiu, laŭ la kristana tradicio, naskiĝis en stalo.

[5]Richard Cutts Shannon, tiama usona reprezentanto de la Botanikĝardena Fervojkompanio, kiu koncesie mastrumis tiun tramsistemon.

[6][ol rajt]. Angle: *konsentite?*

[7]Aludo al la Malnova Testamento (Nom:21–33), laŭ kiu la azenino de Bileam ekvidis anĝelon kaj forturniĝis trifoje; Bileam ekkoleris, kaj trifoje batis ŝin; tial la azenino plende alparolis lin.

# Survoje al Hanojo, per la Trasiberia Fervojo

Aparecida de Souza Araujo

La Trasiberia Fervojo kunligas Eŭropan Rusion al la ekstrema oriento, trapasas plurajn urbojn kaj ok horzonojn. Ĝi estas la tria plej longa konstanta servo en la mondo.

La Projekto "La Vojaĝo" (*www.vojagxo.info*), kiun estras rusa ĵurnalisto Vadim Biserov, organizis la karavanon "Moskvo–Hanojo", tra transmongolia branĉo (Rusio-Siberio, Mongolio kaj Ĉinio), okaze de la 97-a Universala Kongreso, 2012. Mi partoprenis grupon de dek kvin brazilanoj (el la Federacia Distrikto, Sanpaŭlo, Bahio kaj Suda Riogrando), kiuj aliĝis al ĉi tiu aventuro.

Ni startis la 7-an de Julio, el Sanpaŭlo al Moskvo, kie ni renkontis Vadim kaj kvar aliajn Esperantistojn. Formiĝis internacia karavano, kun dudek personoj el ses landoj: Rusio, Brazilo, Nederlando, Francio, Norvegio kaj Usono.

Ni havis du tagojn por esplori antikvan kaj belan Moskvon. Multe impresis min ĝia bonega trafika infrastrukturo; ĝi havas unu el la plej profundaj, grandspacaj, subteraj tuneloj de la mondo, nome, la Moskvan Metroon, kiu estas grava marko en la urbo, pro la riĉa kaj varia arktekturo en siaj stacidomoj. Ne forgesebla estis la ŝippromenado laŭ la Moskva Rivero.

Ni entrajniĝis la 10-an de Julio, vespere, kaj vojaĝis kun relativa komforto en kvarlita kupeo, al Jekaterimburgo, la



Promeno sur la Moskva Rivero

unua urbo en la Azia parto de Rusio, ĉe la limo inter la du kontinentoj. Tie, kun lokaj esperantistoj, ni estis akceptitaj kaj honoritaj de la Instituto Boris Jelcin.

Siberio, kiu registras la plej malvarman temperaturon de loĝloko en la mondo, en ĉi tiu somero feliĉe havis tre agrablan veteron. Suden, tra Siberio, ni vizitis Irkuckon, kaj la 15-an de Julio ni haltis tri tagojn ĉe bordo de Bajkalo, la plej granda lago el dolĉa akvo en Azio kaj la plej granda en la tuta mondo laŭ akva volumo. Ni ŝipveturis sur la lago al la antikva ĉirkaŭbajkala fervojo kaj vizitis la grandan valon Tunkinskajo.

La 19-an de Julio, el Ulanudeo, kie atendis nin esperantista rusa geedza paro, ni forveturis buse al Ulanbatoro, ĉefurbo de Mongolio, kiu havas kaosan trafikon. Mongolio ankoraŭ serioze su-

feras pro rezultoj de siaj ekonomiaj alĝustiĝoj. Ni spertis en ĉi tiu busa traveturo la mankon de infrastrukturo por ŝosea transporto. Ni vizitis la grandegan statuon de Ĝingis-Ĥano, "Mastro de la Mondo", fondinto de la Mongolia imperio. Li estas la figuro plej honorinda en la Mongolia populara kulturo. Lokaj esperantistoj intervjuis nin, kaj raportis en loka ĵurnalo (*http:www.infomongolia.com/ct/ci/4588*).




Trajne tra la Gobia dezerto, ni trafis Erljanon ĉe la ĉina limo. La 22-an, per litkajuta buso, sufiĉe komforte, ni daŭrigis la vojaĝon ĝis Pekino, kie ni haltis tri tagojn. Alvenis grupo de poloj kaj kun lokaj esperantistoj ni vizitis la precipajn kaj interesajn vidindaĵojn, ekzotikan manĝejan placon kaj la Grandan Muron.

La trajna veturo al Naningo, kiu komenciĝis la 25-an de Julio, postulis la plej malfacilajn tridek horojn, ĉar ni ne sukcesis aĉeti biletojn por kupeo, kaj veturis sur simpla benko, en vagono kun amaso da homoj. Estis malfacile eĉ iomete stari. Ni atingis la limon de nia korpa kapablo.

La 27-an, nun en granda karavano, pro alveno de ĉinaj kaj mongolaj esperantistoj, ni veturis per komforta buso kaj atingis la Vjetnaman landlimon. Post la pasportaj kaj doganaj kontroloj, la karavano estis dividita en kvar malgrandajn Vjetnamajn busojn por seshora veturado kaj alvenis en Hanojo vespere. Ni gastiĝis dum naŭ tagoj en la hotelo Meliá Hanoi, sidejo de la 97-a Universala Kongreso, 2012.

Okazis kelkaj malhelpoj, sed plimulto da sukcesoj, kiuj ebligis nin superi la malfacilaĵojn, konservante la etoson de heterogena grupo, kun entuziasmo, ĝojo kaj intereso. Nepre necesa estis la gvidado de Vadim ĝis Hanojo, kiu senlace, kapable, sindoneme kondukis la grupon kun etiko kaj respondeco.

Estis dudek tagoj, pli ol 9000 kilometroj da riĉaj spertoj, da proksima kontakto kun malsimilaj kulturoj el kvar landoj, kun ĝuado de iliaj apartaj pejzaĝoj, kaj signado de la vojo per la verda Esperanta Flago. Mi tre dankas Dion pro tia senpreza oportuno, kaj la pejzaĝojn viditajn tra la fenestro de la trasiberia trajno mi konservos por ĉiam en mia memoro.



Ĉe la Granda Muro de Ĉinio

# Vizitindaj Kulturcentroj en Sanpaŭlo

## Muzeo de la Portugala Lingvo

**Paulo Sergio Viana**

San-Paŭlo estas multfaceta urbego, kaj inter ĝiaj multaj allogaĵoj certe meritas mencion ĝia intensa kultura vivo, kiu kontentigas ĉiajn gustojn. Amaso da kulturcentroj funkcias en la urbo, krom kinejoj, teatroj, ĝardenoj, arkitekturaj riĉaĵoj, foiroj, bibliotekoj kaj librovendejoj.

Unu el la plej ŝatataj tiaj lokoj estas la Muzeo de la Portugala Lingvo.

Inaŭgurita en la jaro 2006, ĝi okupas parton de majesta, antikva trajna stacidomo “Luz”, en la urbocentro. Pli ol 2.750.000 homoj jam vizitis ĝin. La institucio ricevis la gravan premion “Darci Ribeiro”, kiel elstara eduka instanco.

La ĉefaj celoj de la muzeo estas:

- montri, ke lingvo estas esenca kaj fundamenta elemento por kulturo;
- glori kaj valorigi la Portugalan Lingvon, kiun ĝi prezentas laŭ ĝiaj deveno, historio kaj influoj;
- proksimigi al la lingvo la homon, kiu uzas ĝin, montrante, ke li estas la vera “posedanto” kaj modifanto de la Portugala Lingvo;
- valorigi la diversecon de la Brazila Kulturo;
- faciligi interŝanĝadon inter la pluraj landoj, kie oni parolas la Portugalan Lingvon;
- aŭspicii kursojn, prelegojn kaj seminariojn pri la Portugala Lingvo kaj similajn temojn;
- organizi portempajn ekspoziciojn pri temoj koncernantaj la Portugalan Lingvon kaj ĝiajn diversajn influkampojn.



Kiam oni vizitas la Muzeon de la Portugala Lingvo, unue oni ricevas la inviton spekti belan 10-minutan filmon, kiu klarigas la devenon de la lingvo. Sekve, la vizitantoj eniras grandan ĉambron, sur kies murojn, plafonon kaj plankon oni projekcias antologion da poemoj. Samtempe, ili aŭskultas registron de deklamado, fare de konataj artistoj. Ĝi estas belega, tute surpriza spektaklo. Poste, la vizitanto povas libere promeni tra la koridoroj de la trietaĝa muzeo, kie li ĝuas ekspoziciojn, tekstoafiŝojn, projekciaĵojn de fotoj kaj filmetoj. La tuto estas tre dinamika, tiel ke la atento de la vizitanto estas konstante alvokata. En la institucio okazas ankaŭ prelegoj kaj aliaj klerigaj programeroj. Vizitinda loko en San-Paŭlo!

# Guilherme de Almeida

**Redaktis kaj tradukis: Paulo Sergio Viana**



*N.T.: Guilherme de Almeida estis grava verkisto, kiu naskiĝis en la brazila ŝtato San-Paŭlo. Li naskiĝis en la urbo Campinas, en la jaro 1890. Li estis advokato, ĵurnalisto, kinokritikisto, poeto, eseisto kaj tradukisto. Li vigle partoprenis la modernisman movadon en 1922 kaj estis la unua modernisto, kiu elektiĝis en la Brazilan Akademion de Beletro. Oni nomis lin "Princo inter brazilaj poetoj". Dum multaj jaroj la poeto loĝis en domo ĉe kvartalo Pacaembu, en la urbo San-Paŭlo, kiun li karese nomis "domo sur monteto", ĝis sia morto en la jaro 1969. Tiun domon oni transformis en muzeon je lia omaĝo. Vizitinda loko, kie troviĝas ekspozicio de artaĵoj kaj historiaj objektoj. Guilherme de Almeida verkis multajn "kronikaĵojn" por ĵurnaloj, sed bedaŭrinde tiujn tekstojn oni ne publikigis libroforme. Jen unu el ili, en Esperanta vesto:*

## Mi kredas

Por ke neniu pensu, kiel mi pensas, ke mi estas skeptikulo — el la greka "skeptikós", kiu antaŭe signifis tiun, kiu kutimas ekzameni kaj pripensi, kaj tamen, paradokse, poste prenis la signifon de tiu, kiu dubas pri ĉio — tial mi decidis elmontri mian intiman "kredon", nome:

Mi kredas min mem, nur pro la plezuro iom kontraŭdiri miajn kreditorojn;

mi kredas mian humursenton, sen kiu mi neniam povus vidi min mem antaŭ spegulo nur en kalsono, kaj precipe voĉdoni en politikaj elektoj;

mi kredas miajn intimajn malamikojn, kiuj estas plej fortaj faktoroj por mia populareco; kaj miajn galajn amikojn, kiuj estas etaj faktoroj por miaj maldiskretaĵoj;

mi kredas la senmortecon (malgraŭ la obstina neado, kiun faradas Akademioj) de la animo;

mi kredas mian oran koron, kiu tamen neniam atingis decan takson ĉe la giĉeto de tradicia lombardejo;

mi kredas mian bonan, fidelan skotan viskion, kiu ĝis certa grado pravigas la ekzistadon de mia hepato, de mia kuracisto kaj de mia drinkaĵo-liveranto;

mi kredas Bonon kaj Malbonon, Veron kaj Malveron, Belon kaj Malbelon, Ĝojon kaj Malĝojon, resume ĉiujn malvortojn, ĉar mi kredas mian tajloron kaj la flankojn frontan kaj reversan de lanŝtofoj, kiujn li tondas kaj kudras;

mi kredas miajn sonĝojn, laŭ kiuj multaj dignaj homoj jam trafis premiojn

*(Daŭrigota sur la paĝo 14)*

# Plursignifeco kaj tradukarto

**Francisco Stefano Wechsler**

*(Artikolo preparita surbaze de prelegoj prezentitaj ĉe EASP, kadre de la metiejo pri tradukarto.)*

La plursignifeco de vortoj, esprimoj aŭ frazoj, ankaŭ nomata polisemio, prezentas apartan defion al tradukistoj. En la portugala, unu sama vorto ofte havas multajn signifojn, kaj ĉi ties interrilato ne ĉiam ŝajnas klara. Kompare, Esperanto estas pli preciza lingvo: en ĝi unu radiko ordinare posedas malmultajn signifojn, kaj ili ordinare rilatas al unu sola ĉefnocio. Tial, Esperanto estas pli preciza ol la portugala, sed ĝuste ĉi tiu precizeco povas kaŭzi problemojn. La tradukisto do devas zorge analizi la signifon de la portugallingva teksto kaj zorge elekti la Esperantajn vortojn, kiuj plej precize spegulas ĝin. Aliflanke, la ŝparemo de Esperanto pri radikoj deviggas la tradukiston labori kreeme, por eviti enuigan efikon.

Ĉi-sube mi prezentos ekzemplojn de plursignifeco en la portugala, kune kun iliaj respektivaj tradukproponoj. Certe vi, gelegantoj, sukcesos trovi aliajn solvojn, eble eĉ pli trafajn.

## La verbo "ter"

Ĉi tiu verbo estas unu el la plej okulfrapaj okazoj de plursignifeco. Sufiĉas diri, ke la klasika vortaro de Laudelino Freire dediĉas pli ol ok paĝojn al ĝiaj pluraj difinoj kaj nuancoj, kaj aldone al kvantego da parolturnoj, kiujn ĝi partoprenas! Listigi ĉiujn tie ĉi estus tro enuige, do ni pritraktu nur kelkajn el ili:

*Não consigo deixar de **ter** inveja dos mais favorecidos.* = Mi ne sukcesas ne **envii** la pli bonŝancajn.

*Ela costuma **ter** dores de cabeça terríveis.* = Ŝi ordinare **suferas** terurajn kapdolorojn.

*Ele **tem** um apartamento em Paris.* = Li **havas/posedas** apartamenton en Parizo.

***Tiveram** então a escritura daquela casa.* = Ili tiam **ricevis/akiris/ekhavis** la posedatestilon de tiu domo.

*Do pai ela **teve** a pertinácia, da mãe teve a sensibilidade.* = De la patro ŝi **heredis** la persistemon, de la patrino la sentemon.

***Tenho** para mim que o serviço está sendo mal executado.* = Mi **pensas/opinias/kredas**, ke la tasko estas plenumata senzorge/nekompetente.

***Tive** o desprazer de acompanhá-la naquela viagem.* = Mi **spertis** la malplezuron akompani ŝin dum tiu vojaĝo.

*Assim que recebeu o recado, foi **ter** com o ministro.* = Apenaŭ li ricevis la mesaĝon, li iris **renkonti/viziti** la ministron.

*Afirmou que o filho não **tinha** nem dez*

*anos.* = Li asertis, ke lia filo ankoraŭ ne **dekjariĝis**.

*O ferido mal podia* ***ter-se*** *em pé.* = La vundito apenaŭ sukcesis **stari**.

*A peça* ***teve*** *pouca assistência.* = La teatraĵo **estis** malmulte spektata. / La teatraĵo **venigis** malmultajn spektantojn.

*A gata* ***teve*** *quatro filhotes.* = La katino **naskis** kvar idojn.

## La rolvorteto "mesmo"

Tiu ĉi insida vorteto rolas jen pronome, jen adjektive, jen substantive, jen adverbe, jen konjunkcie! Sekvas pluraj ekzemploj pri tia Protea konduto:

*Deu-se a si* ***mesmo*** *um régio presente.* = Li donis al si **mem** reĝan donacon.

***Mesmo*** *debaixo de balas, o pelotão avançou.* = **Eĉ** pafate, la taĉmento antaŭeniris / **Malgraŭ** la pafado, la taĉmento antaŭeniris.

*O texto usado no discurso é o* **mesmo** *já apresentado há um ano atrás.* = La teksto uzita en la parolado estas la sama prezentita antaŭ unu jaro.

*Qualquer que seja o resultado da conferência, dará na* ***mesma****: ninguém cumprirá as recomendações.* = Kio ajn rezultos el la konferenco, estos **egale / same / indiferente**: neniu obeos la rekomendojn.

***Mesmo*** *se chover, compareceremos à cerimônia.* = **Eĉ** se pluvos, ni ĉeestos la ceremonion. (Notu, ke la traduko "malgraŭ la pluvo ni ĉeestos la ceremonion" implicas, ke ja pluvos dum la ceremonio, dum la proponita solvo rigardas la pluvon ebla, sed ne nepra, same kiel en la portugala.)

*O motor continua sem funcionar,* ***mesmo*** *porque não trocaram a embreagem.* = La motoro ankoraŭ malfunkcias, **ĝuste** tial, ke oni ne anstataŭigis la kluĉon.

— *Esta noite passada sonhei com Zamenhof. — É* ***mesmo****?* = — Pasintnokte mi sonĝis pri Zamenhof. — Ĉu **vere**?

*Tem* ***mesmo*** *jeito de avó.* = Ŝi **ja** aspektas kiel avino.

## La rolvorteto "que"

Tiu ĉi vorteto rolas tiel multfacete en la portugala, ke ĝi kaŭzas premsonĝojn ne nur al multaj lernantoj de Esperanto, sed ankaŭ al tradukistoj. Ĝi povas funkcii kiel pronomo kaj kiel konjunkcio; iafoje, ĝi rolas nur kiel emfazilo, ne havante propran signifon; aldone, ĝi partoprenas multajn parolturnojn. Jen sekvas pluraj ekzemploj, el kiuj kelkaj estas rekte ĉerpitaj el la fama vortaro de Caldas Aulete. En ĉiuj la vorteto "que" havas difinitan signifon:

— ***Que*** *disse o médico? —* ***Que*** *devo comer mais verduras.* = — **Kion** diris la kuracisto? — **Ke** mi devas manĝi pli da legomoj.

— ***Que*** *tumulto é esse?* = — **Kia** tumulto estas tiu?

— ***Que*** *nome devemos propor para a estrela recém-descoberta?* = — **Kiun** nomon ni proponu por la ĵus eltrovita stelo? (Laŭ la Zamenhofa tradicio, oni uzus "**kian** nomon".)

— ***Por que*** *alguns países ainda não usam o sistema métrico? —* ***Porque*** *é difícil derrotar tradições.* = **Kial** kelkaj landoj ankoraŭ ne uzas la metran sistemon? **Ĉar** estas malfacile venki tradiciojn.

***Que** maravilha!* = **Kia** mirindaĵo!

*Este garoto é mais alto **que** os seus colegas da mesma idade.* = Tiu ĉi knabo estas pli alta **ol** siaj samaĝaj kolegoj.

*Era tão bela **que** os transeuntes paravam para vê-la passar.* = Ŝi estis tiel bela, **ke** la piedirantoj haltis por vidi ŝin preterpasi.

*Se ela não chegou até agora, **é que** não vem.* = Se ŝi ĝis nun ne alvenis, **tio signifas, ke** ŝi ne venos.

En la sekvaj frazoj, "que" ne havas propran signifon kaj rolas kiel emfazilo. Notu, ke la uzado de "ja" ne estas deviga, tamen ĝi helpas pli klare esprimi la emfazon:

*Eu **é que** não me meto nisso!* = En tion mi **ja** ne ŝovos la nazon!

*Quase **que** morri por causa da comida estragada.* = Mi **ja** preskaŭ mortis pro la putranta manĝaĵo.

Fine, jen du parolturnoj uzantaj tiun ĉi rolvorteton, el kiuj ankaŭ la unua estas ĉerpita el la vortaro de Caldas Aulete:

***Que de** imaginação se revela nesse livro!* = **Kiom da** fantazio montriĝas en tiu libro!

*Saudade amarga **que nem** jiló* [laŭ la popola komponisto Luiz Gonzaga]. = Resopiro amaras, **kiel** ĝilo.

La Portugala-Esperanta vortaro de Allan Kardec Afonso Costa estas aparte riĉa konsultfonto pri plursignifeco de portugallingvaj vortoj kaj liveras multajn frazojn ĉerpitajn el modelaj tradukoj. Ankaŭ la elektronika vortaro de Túlio Flores liveras multajn tradukekzemplojn. Ni konsultu ilin!

### Daŭrigo de la paĝo 11
### (Guilherme de Almeida)

en la "bestoloterio"[1] kaj tamen ne dankis min;

mi kredas mian perfektan malprudenton, kiun prudentaj homoj vane klopodas imiti;

mi kredas mian nekontesteblan bonan guston: la sola virto, kiun iuj virinoj de mi admirataj trovas ĉe mi;

mi fine kredas, neŝanceleble, tiun mian nekredeblan cinikon, laŭ kiu mi ankoraŭ kredas ion en ĉi tia mondo, en ĉi tia tempo, inter tiaj homoj.

[1]Populara brazila hazardludo.

# Sciencaj Kuriozaĵoj

**Paulo Sergio Viana**

## Homo sen koro



La ĵurnalo "O Estado de S. Paulo" publikigis la 2-an de Julio, 2012, kuriozan informon: en la Ĉeĥa Respubliko homo vivas sen koro jam kvar monatojn. La 37-jara Jakub Halik suferis je kancero de la koro kaj ĉe tiaj kazoj ne eblas transplanto, ĉar la medikamentoj, kiujn li devus ricevi post la transplanto, certe reaktivigus la tumoron. La sola alternativo estis enmeti en lian korpon pumpilojn, kiuj imitas la funkciadon de la koro. La nova teknologio permesas, ke la paciento marŝu almenaŭ unu kilometron, supreniru ŝtuparon kaj faru neintensajn movojn. Li devas kunporti bateriojn sub la brakoj, kies energio daŭras de 8 ĝis 12 horoj. Post iom da tempo, se montriĝos, ke la kancero ne reaperis, tiam oni transplantos en lin alian koron. La kostoj de la tuta procedo atingas 250 mil eŭrojn. La fama medicina instituto de Prago jam uzis tiun teknologian rimedon proksimume cent fojojn.

## Fazeolo favoras la koron

De longa tempo esploristoj malkovris, ke sojo estas tre saniga nutraĵo, interalie ĉar ĝi enhavas grandan kvanton da substanco nomata "izoflavono". Ĉi tiu substanco, kiu estas speco de natura hormono, protektas la korpon de virinoj post menopaŭzo kaj ĝenerale preventas korajn malsanojn. Tamen, en Brazilo la homoj ne kutimas manĝi sojon ofte. Brazilanoj amas fazeolon kaj multaj eĉ manĝas ĝin preskaŭ ĉiutage. Tamen, nia kutima fazeolo ne enhavas multe da izoflavono. La bona informo nun venis el Agronomia Instituto de la urbo Kampino, en kunlaboro kun Universitato de Sanpaŭlo: ili eltrovis, ke variaĵo de fazeolo nomata "IAC Formoso" enhavas almenaŭ 10 procentojn el la kvanto da izoflavono trovata en sojo.



Se oni konsideras, ke homoj ofte englutas fazeolon, tiu kvanto certe bonfaros al sano. Krome, oni enkondukas nuntempe genetikan teknologion por modifi la nigran fazeolon, kiun brazilanoj kutime manĝas, tiel ke ĝi enhavu pli da izoflavono.

## Vakcino kontraŭ tabako?

Tabakfumado estas unu el la plej oftaj kaŭzoj de malsanoj kaj morto en la tuta mondo. Malgraŭ insistaj kampanjoj, milionoj da homoj plu fumadas. Multaj fumantoj deziras ĉesigi sian kutimon,



sed la ĥemia dependo de nikotino estas tre forta, kaj multaj ne sukcesas haltigi fumadon. Plurajn rimedojn por helpi tiajn homojn oni jam provis, sed la rezultoj ĝis nun estas nesignifaj. Nun, esploristoj el Weill Cornell Medical College, en Novjorko, provas tute novan vojon: ili klopodas produkti vakcinon, kiu atakas nikotinon, tiel ke ĉi tiu substanco estas neŭtraligita antaŭ ol atingi la cerbon. Tiamaniere, la fumanto ne sentas la plezuron, kiun normale nikotino kaŭzas. Se oni ne sentas plezuron, tiam la ĉesigo estas pli facila. La esploro ankoraŭ troviĝas en kobaja fazo, sed jam montras esperigajn rezultojn: en ratoj, kiuj ricevis la vakcinon, la kvanto da nikotino en la cerbo estis pli malalta je 85 procentoj, kompare kun ne vakcinitaj ratoj, post injekto de certa dozo de nikotino. Certe ankoraŭ jaroj pasos, ĝis tia esploro atingos homan provon, sed esperiga vojo malfermiĝas.



## Psikoterapio per la reto

Multaj homoj ricevas altvaloran helpon de psikologoj por alfronti siajn problemojn kaj konfliktojn. Interŝanĝi ideojn kun trejnita fakulo, kiu analizas la situacion de la paciento de ekstere, sen emocia interveno, povas esti granda apogo. En tempo de interreta disvastiĝo, oni komencis uzi komputilon por tiaj interparoloj: por tio, retmesaĝoj, skribaj aŭ parolaj dialogoj em virtuala medio jam estas uzataj. Nuntempe, en Brazilo, estas laŭleĝe permesataj ĝis dek seancoj de reta psikoterapio, ĉe kazoj de urĝaj situacioj, kiel ekloĝo en alia urbo, krizo en laboro aŭ en la familio. La fakulo devas havi oficialan permeson de la federacia organo, kiu reguligas psikologian flegadon, kaj oni devas zorgi pri sekureco rilate privatecon de la komuniksistemo. Respondeculoj pri normigo de tiaj flegoj nuntempe reanalizas la aferon por plia detaligo kaj ĝis la fino de la jaro 2012 oni publikigos la novajn regulojn. Oni konsideras la eblecon pligrandigi la kvanton da virtualaj seancoj al dudek.

# La nuda viro


**Fernando Sabino**

**Tradukis Francisco Stefano Wechsler**


Vekiĝinte, li diris al sia edzino:

— Atentu, kara: hodiaŭ endas partopagi la televidilon, nepre venos baldaŭ ulo kun la konto. Tamen hieraŭ mi ne kunportis monon el la urbocentro, mi ne havas eĉ unu moneron.

— Klarigu tion al li — argumentis la edzino.

— Al mi ne plaĉas tiaj aferoj. Tio aspektas kiel ruzaĵo, mi penas rigore plenumi miajn devojn. Atentu: kiam li venos, ni restos hejme kviete, ni ne bruos, por ke li pensu, ke enestas neniu. Lasu lin frapi la pordon ĝislace — morgaŭ mi pagos.



Post nelonge, demetinte sian piĵamon, li sin direktis al la banejo por bani sin, sed la edzino jam enŝlosis sin tien. Dum la atendado, li decidis pretigi kafon. Li ekboligis akvon kaj malfermis la malantaŭan pordon por preni la panon. Ĉar li estis tutnuda, li rigardis singardeme de unu flanko al la alia antaŭ ol riski du paŝojn ĝis la pakaĵeto metita de la bakisto sur la parapetan marmoron. Ankoraŭ tre fruis, neniu povus aperi. Tamen, apenaŭ liaj fingroj tuŝis la panon, la pordo malantaŭ li tondre fermiĝis, puŝite de vento.

Terurite, li kuris al la sonorilo kaj, soniginte ĝin, li restis atendante, ĉirkaŭrigardante maltrankvile. Li aŭdis, ke interne la duŝa akvobruo subite interrompiĝas, sed neniu venas malfermi la pordon. Certe la edzino supozas, ke jam aperis la pagokolektisto. Li frapis per la fingrartikoj:

— Maria! Malfermu, Maria. Ĝi estas mi — li vokis, mallaŭte.

Ju pli li batadis, des pli silente fariĝis interne.

Dume, li aŭdis, ke malsupre la liftopordo fermiĝas, li vidis la montrilon malrapide supreniri la etaĝojn… Ĉi-foje, ĝi estas la kolektisto!

Ĝi ne estis. Kaŝita sur la interetaĝa ŝtuparo, li atendis, ke preterpasos la lifto, kaj revenis al la pordo de sia apartamento, ĉiam tenante en la nervozaj manoj la panpakaĵon:

— Maria, bonvolu! Ĝi estas mi!

Ĉi-foje, li ne disponis je tempo por insisti: li aŭdis paŝojn sur la ŝtuparo, malrapidaj, regulaj, venantaj de malsupre… Panikiĝante, li ĉirkaŭrigardis, piruetante, kaj, tiamaniere nuda, kun la pakaĵo enmane, li ŝajnis danci groteskan

kaj fuŝpreparitan baleton. La paŝoj sur la ŝtuparo proksimiĝis, kaj li ne trovis kaŝejon. Li kuris al la lifto, premis la butonon. La tempo apenaŭ sufiĉis por malfermi la pordon kaj eniri, kaj la servistino jam preterpasadis, malrapide, komencante la supreniron de unu plia ŝtuparparto. Li enspiris pro retrankviliĝo, viŝante la fruntoŝviton per la panpakaĵo.

Sed jen la interna pordo de la lifto fermiĝas, kaj ĝi komencas subiri.

— Ha, sed ne tion! — diris la nuda viro, ektimante.

Kaj nun? Iu malsupre malfermos la liftopordon kaj trovos lin tie, tutnuda, eble iu konata najbaro… Li rimarkis, konfuzita, ke li estas portata ĉiam pli malproksimen de sia apartamento, li komencas vivi veran Kafka-ecan[1] premsonĝon, ekfunkcias ĉi-momente la plej aŭtentika kaj freneza Teror-Reĝimo!

— Tion tute ne — li ripetis, furioza.

Li sin alkroĉis al la liftopordo kaj perforte malfermis ĝin inter etaĝoj, devigante la lifton halti. Li profunde enspiris, fermante la okulojn, por ricevi la momentan iluzion, ke li sonĝas. Poste li provis premi la butonon de sia etaĝo. Malsupre oni daŭre alvokadis la lifton. Antaŭ ĉio: “Savbutono: haltigi”. Tre bone. Kaj nun? Ĉu ĝi supreniros aŭ subiros? Singarde li malŝaltis la haltigilon, liberigis la pordon, dum li persistis suprenigi la lifton. La lifto supreniris.

— Maria! Malfermu la pordon! — li kriadis, ĉi-foje pugnobatante la pordon, jam tute nesingarde. Li aŭdis, ke alia pordo malfermiĝas malantaŭ li.

Li turnis sin, senelire, apogante la postaĵon sur la pordokadron kaj vane klopodante kovri sin per la panpakaĵo. Ĝi estis la maljunulino de la najbara apartamento:

— Bonan matenon, sinjorino — li diris, konfuzite. — Prezentu al vi, ke mi…

La maljunulino, terurata, suprenĵetis la brakojn, eligis krion:

— Dio helpu min! La bakisto estas nuda!

Kaj ŝi kuris al la telefono por alvoki la policon:

— Jen nuda viro staras ĉi-antaŭ mia pordo!

Aliaj najbaroj, aŭdante la kriadon, venis eltrovi, kio okazas:

— Li estas perversiulo!

— Vidu, kia teruraĵo!

— Ne, ne rigardu! Tuj reeniru, filino!

Maria, la edzino de la malfeliĉulo, fine malfermis la pordon, por eltrovi, kio okazas. Li enkuris kvazaŭ raketo kaj vestis sin haste, eĉ ne memorante la banon. Post kelkaj minutoj, kiam ekstere jam refariĝis kvieto, oni frapis la pordon.

— Verŝajne ĝi estas la polico — li diris, ankoraŭ spiregante, dum li iris malfermi.

Eraro: ĝi estis la pagokolektisto de la televidilo.



[1]Aludo al Franz Kafka (1883–1924), germanlingva aŭtoro el Bohemujo, kies verkojn karakterizas temoj rilataj al alieniĝo, korpa kaj mensa kruelo, konfliktoj inter gepatroj kaj gefiloj, mistikaj transformoj kaj ĝenerale premsonĝa etoso.